

# Boletín

*Nº 359 januaro/februaro 2003*




Esperanto: linguo de paco

*Asociación de utilidad pública*


FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz;
Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600
Muriedas; Cantabria;
liven@wanadoo.es

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA :**
**0182-2552-61-0204011.961**
**Admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**

**Estraro**
**Prezidanto: Miguel A. Sancho.**
**Vicprezidanto: José M. Galofré.**
**Sekretario: Manuel Parra.**
**Kasisto: Pedro Garrote.**
**Vicsekretario: Marcos Cruz.**
**Voĉdonantoj:**
**Luis Hernández,**
**Augusto Casquero,**
**Miguel Gutiérrez.**

## Enhavo



**62a Hispana Kongreso**
**15a - 20a de julio**

# Estrarkunsido



La HEF-estraro kunsidis en ĝia centra oficejo la 22an de decembro 2002 ekde la 10a horo. Ĉeestis la estraranoj Miguel Ángel Sancho, Pedro Garrote, Manuel Parra, Augusto Casquero kaj Marcos Cruz, plus la kunlaborantoj Ana Manero kaj David Trigo. Prezentis sian ekskuzon Galofré kaj Hernández pro familiaj devoj, kaj Miguel Gutiérrez, kiu tamen iel partoprenas per retpoŝto.

Pritraktitaj aferoj:

1- La sekretario laŭtlegas la protokolon de la antaŭa kunsido (1 aŭg 2002, Boletín 357), kaj oni ĝin aprobas. Pri la ĝisnuna plenumo de ties decidoj, ni konstatas ke estas jam funkcianta en la oficejo la lineo ADSL, post longaj streboj far kelkaj volontuloj.

2- Nome de la organiza teamo de la junulara renkontiĝo Ho-Ro-2002, okazinta pasintsomere en Salamanca, David Trigo informas ke ĝi rezultis finance iom profita kaj redonas al HEF la sumon de 600 EUR, siatempe pruntitan por tiu aranĝo.

3- Rilate la pretigadon de la ttt-paĝaro de HEF, Marcos Cruz aktualigos ĝian enhavon kun la teknika helpo de David Trigo.

4- Miguel Gutiérrez proponas kompili liston el periodaj kulturaj aranĝoj, okazantaj en Madrido, en kiuj povus/devus partopreni nia Asocio. Sen forlasi la jam tradician Expolingua, HEF povus prezentiĝi en aliaj foiroj aŭ eventoj. Oni aprobas la proponon, nur kondiĉe ke ni trovos volontulon por la tasko.

5- Aperis projekto nomata "La Casa de las Palabras" (Hejmo de Vortoj), lanĉita far la magistrataro de Vigo kiel muzeo pri lingvoj. Miguel proponas ke HEF kreu komisionon por eventuala kunlaboro, laŭeble kun surlokaj agantoj. Komence HEF leteros al tiu muzeo.

6- Granda Vortaro Hispana-Esperanto. Ni ratifas la decidon alprenitan siatempe per retpoŝto, ke HEF apogas ĝian eldonadon far MGA, kaj komence aĉetas 30 ekzemplerojn.

Sendu viajn kotizojn por UEA, viajn abonojn por “Esperanto” kaj “Kontakto” kaj viajn UK-aliĝojn ne plu al la konto de HEF sed al la nova

**Peranto de UEA**

**Pedro A. Garrote**

**Apartado 119 — Esperanto; 47080 Valladolid**

**Konto: 0030 6002 74 0000901271;**

Banco Español de Credito (BANESTO); Valladolid

**Retadreso: pgarrote@eurociber.es**



La Prezidanto de UEA, Renato Corsetti (maldekstre) apud Antonio Marco en la pasinta 10a Internacia E-Semajno de la Kulturo kaj Turismo.

7 - Miguel prezentas vastan eldonan laborplanon de la hispana E-movado ĝis 2005; laŭ ĝi, en 2003 estos sufiĉa atingo la aperigo de la vortaro de Fernando de Diego. Post detala diskutado ni konkludas, ke HEF principe apogas la planon, sed ĉiujare ni decidu kion fari en la proksima estonto.

8 - Hispana E-Kongreso, Valencio-2003. Oni antaŭvidas aparte allogan kongreson, kun partopreno de elstaraj prelegantoj kaj prezento de la Granda Vortaro de F. de Diego. La ttt-paĝaron pri la kongreso prilaboros Marcos Cruz.

9 - Financoj. Ĉi-jare la saldo estos profita, ĉefe pro la ne-elspezo por Expolingua (kiun ni partoprenis senpage) kaj pro la enspezo rezultinta el likvido de libroservo. Ni studas la buĝeton por 2003 kaj alĝustigas kelkajn kontojn. Oni studos la eblon aĉeti novan komputilon por la oficejo.

10 - En 2004 okazos en Bilbao la kongreso de Eŭropa E-Unio, kaj en ĝia kadro HEF faros sian ĝeneralan kunvenon. Tiamaniere ne necesos organizi apartan kongreson de HEF.

La Prezidanto: Miguel Ángel Sancho
La Sekretario: Manolo Parra

# Amasa libro-donaco

Kiel zorganto de la Biblioteko *Juan Régulo Pérez*, mi tre kontentas pri ĝia kresko kaj evoluo, eĉ se tio ofte signifas senĉese cerbumadi pri tio kiel organizi la malmultan spacon disponeblan en la oficejo.

Tiel estis ankaŭ pasintan printempon, kiam venis donace libroamaso por la kolekto, kiu per si mem ja povintus konstitui memstaran bibliotekon. La donacinto, Jorge Camacho; la donaco, pli ol 500 libroj kaj abundo da revuoj, broŝuroj kaj aliaj specimenoj. Ĝis nun la alportintoj de la plej granda libro-kvanto estis Rafael Fiol kaj Carlos Martínez, kiuj en la sepdekaj jaroj kontribuis per ĉirkaŭ 300 volumoj. Ekde nun tia merito apartenas al nia admirata verkisto.



Foto el arkivo

Tiu samtempa alveno de tiom da materialo, krom la evidentan ĝojon vidi kreski la kolekton per sendube tre interesaj legindaĵoj, donis al mi multajn kapdolorojn: kie loki la ricevitan stokon!

La libroŝanko laŭiras tutan muron kaj ne eblas ĝin grandigi, eblis nur pliproksimigi ĝiajn bretojn por enŝrankigi unu plian. Demeto, do de la libroj, almeto de nova breto, denova remeto de la libroj sur la bretojn... kaj furioza atako de la enpolve embuskitaj akaroj, kaj muskuliga ekzercado de la brakoj, kaj la dankinda helpo de Angelita Sanz dum ĉi tasko.

Tio tamen, ne sufiĉis. Jen sola restanta ebleco por komforte enŝrankigi la librojn: elŝrankigi la revuojn. Ah, sed kien meti do la revuojn? Pli ol kvardek arĥiv-skatoloj da ili, kiuj iĝis pli nombraj post la alveno de tiuj ĵus donacitaj. Nu, eblis tamen ankoraŭ trovi ioman loketon inter la jam tre profititaj limoj de nia ejo: ni muntis laŭlonge de la muro fronta al la ŝranko, plej proksime de la plafono, du vicojn da bretoj por ordigi tie la revu-kolekton.

Solviĝis almenaŭ pormomente la problemo pri spaco. Sed restis alispeca mal-




Faras la movadon... GRANDA

Kontribuu pere de la kontoj:

**Iber-Caja 2085-0101-13-286247-62**

**La Caixa 2100-2149-31-0100165085**

facilaĵo: mi vidis antaŭ mi senfinan katalogadon de ĉiam pli amasiĝanta gazetaro, ĉar krom la ĵus donacitaj kaj multaj malnove alvenintaj sed ankoraŭ ne enkomputiligitaj, tiuj regule ricevitaj aldoniĝas konstante al la farendaĵo. Ho, mia kor', ne batu maltrankvile! Ho, mia dio, ĉu mi dronos en presaĵoj? Tute ne! Jen Juan del Castillo heroe venis miahelpe. Li diligente kaj efikoplene okupiĝas de antaŭ kelkaj monatoj pri la biblioteka revu-sekcio, kun rimarkindaj rezultoj.

Nia biblioteko konsistas nun el pli ol 2000 titoloj -mi parolas nur pri libroj; ne estas duoblaĵoj inter ili, nur esceptokaze, se temas pri malsamaj eldonoj. Ĝi havas tre kompletan revu-kolekton el ĉiuj vidpunktoj. Aparte interesaj estas tiuj gazetoj publikigitaj komence de la pasinta jarcento. Prunto de materialoj iĝis unu el la ĉefaj aktivaĵoj de la biblioteko, kaj ĝin konsultas —eĉ se ja tre malofte— ankaŭ ekstermovadaj interesiĝantoj. Bilanco do ne tre malbonas.

Ana Manero



La ĵus aperinta vortaro 2002 rapide survojas al elĉerpiĝo.

En apenaŭ 4 monatoj forvendiĝis jam 60 % el la tuta eldono.

Tamen, la kompilinto anoncis ke ĝi **ne** estos reeldonita!

## 11a IESKT

La 11a Internacia E-Semajno de la Kulturo kaj Turismo okazos de la 4a gis la 11a de Oktobro, en Santa Susanna, ĉe Mediteraneo, Barcelono. Ĝis la 31a de julio la aliĝo prezas 21 □, kaj 24 □ post tiu dato.

Loĝado: en la tristela Hotelo MERCURY, situanta 20 metrojn for de la fervoja stacio. Dulita ĉambro 30 □ por persono kaj tago. En unulita ĉambro 36 □. La prezoj inkludas kompletan pensionon.

Informas: S-ro Santiago Tornè. Apartat 423, Sabadell. Rete: luisserrano@mixmail.com; Tel: Luis Serrano Pérez 937275021. S-ro Santiago Tornè Tel: 937253421. Faksilo: 93731411 (ne en aŭgusto).

# Membrara bilanco

Jen la datumoj pri la membraro de HEF je la fino de la jaro.

Membro-nombro: 366, inter ili 1 infano, 29 junuloj, 14 patronaj (kotizantaj duoblon), 3 honoraj (ne kotizantaj): sinjoroj Gumá, de Diego kaj Moya; 32 dumvivaj (kotizintaj unufoje) kaj 18 grupoj.

Estas cetere 6 abonantoj de Boletín, sen membreco en HEF.

Novaj membroj en 2002: 15

Perditaj membroj en 2002: 49

El ĉi lastaj, 5 forpasis, 7 eksiĝis eksplicite kaj la ceteraj estis eksigitaj pro plurjara nekotizado.

*La sekretario, Manolo Parra*

**62a Hispana Esperanto-Kongreso**

**kaj 13a Internacia E-Kongreso**

**Valencio**

**15a ĝis 20a de julio 2003**

Facultad de Filología
Avda Blasco Ibañez 32

**Novaj membroj en 2002**

- Jacinto Estevan SorianoVillena (Alicante)
- Juan Manuel Soler Navarro (Ávila)
- Víctor Álvarez Paredes (Peñíscola, Castellón)
- Cristina Martínez Páramo (Madrid)
- Pedro A. Hernández Úbeda (Madrid)
- David Gutiérrez Sánchez (Madrid)
- Rodrigo Vaquera Márquez (Madrid)
- Carlos Manuel González Sevilla (Madrid)
- Antonio González Fernández (Madrid)
- Alfonso Borrego Cuesta (Madrid)
- Ángel Arquillos López (Málaga)
- Océano López Pérez (La Manga, Murcia)
- Carmelo Rivero Romero (Espartinas, Sevilla)
- Maite Pérez Salort Oliva (Valencia)
- Javier Mercado Albert (Edinburgh, Scotland)



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Aragono

* Antaŭ ne multe, kaj preskaŭ surprizige, aperis du raportoj mencientaj Esperanton en "Heraldo de Aragón", la ĉefa aragona ĵurnalo. Ambaŭ okupis kompletan paĝon kaj kun fotoj. La unua aperis la 3an de novembro. Ties titolo estis: "El idioma internacional. El esperanto, ¿una utopía?" kaj temis pri ĝeneralaĵoj. La alia estis interesa raporto pri Antonio Marco Botella verkita de Antón Castro en la sekcio "Historias del corazón" kaj titolita "Del cáñamo al idioma de la paz".

* La 14an de decembro, multe da esperantistoj kaj simpatiantoj partoprenis (kiel tradicie ĉirkaŭ la naskiĝfesto de L. L. Zamenhof) komunan tagmanĝon.

* La 17an de decembro, kunvenis ĉirkaŭ 15 membroj de "Frateco" en la sidejo por amikumi kaj por plezurigi la gorĝon per manĝaĵoj kaj trinkaĵoj. Tamen, antaŭe, ĉar ne nur per pano viv(ten)as la homo sed ankaŭ per poezio, iamaniere oni faris ian liturgion de la Parolo. Samideanoj Antonio Marco kaj Lorenzo Noguero legis en Esperanto kelkajn tekstojn kaj poemojn de Calderón de la Barca kaj de F. García Lorca. En la aero, restis la poeziaj eĥoj:

*Vivo estas revo...*
Kio estas viv'?: sopiro;
Kio estas viv'?: fikcio;
kvazaŭ ombro, iluzio,
tute simpla homdeziro...

*Somnambula romanco*
Verda, ĝin mi volas verda.
Verda vento. Verdaj branĉoj.
La ĉevalo sur la monto
kaj la ŝipo sur la maro.

## Asturio

La Grupoj "Antaŭen" de Avilés kaj "Astura E-Asocio" de Gijón festis la 15an de decembro la datrevenon de la naskiĝo de L.L. Zamenhof, t.e. la Zamenhofa tago, lastatempe konata ankaŭ kiel "Festo de libro en Esperanto". Multaj gesamideanoj akiris librojn pri kaj per Esperanto. Plej multe vendiĝis la vortaro




Rekte, kuraĝe kaj foje... grimpante



“Malsata stomako orelon ne havas”, eble pro tio la esperantistoj tre ŝatas kunmanĝi.

2002 (20 ekzempleroj), alportitaj de nia ĉijara gasto, la HEF-Estrarano kaj Akademiano Miguel G. Adúriz, kaj oni profitis la okazon por malfermi liston de antaŭmendantoj de la baldaŭ aperonta vortaro Hispana-Esperanto de F. Diego.

La festo, kiun ĉeestis 30 gesamideanoj, konsistis el jenaj programeroj: la membroj de ambaŭ asturaj E-Grupoj kunvenis en la strato Esperanto de Gijón kaj tie okazis la kutima flora oferdono. Poste, en la proksima preĝejo Sankta Nikolao okazis meso en Esperanto, fajne farata de Pastro Luis spite al tio ke ĝi estis lia unua meso en la Internacia lingvo. Fine, en tre proksima restoracio okazis bankedo en agrabla esperantista etoso.

*Santiago Mulas Gallego*

# Ekstremaduro

Prelegis en la universitato de Cáceres samideano José María Salguero. La prelego, kiun ĉeestis ĉirkaŭ 20 homoj, daŭris unu horon, kaj estis plibeligita danke al komputila aranĝo, kiu permesis fari allogan helpan prezentadon sur murekrano.

*M. Zocato*

# Eŭskio / Vaskio

* La 14an de decembro ni kunvenis en la E-Grupo de Bilbao, okaze de la Z-tago. Danke al streboj de Sabin Orueta eblis interparoli, pere de Interreto, kun samideano el Auxstralio kaj samideanino el Rumanio. Vocxojn ege klare auxdeblis, pli ol telefone. La sperto estis ege mirinda por tiuj, kiuj neniam antauxe travivis ion similan.

Post tio, kiel kutime en nia regiono, ni cxiuj sidis cxirkaux tablo por dauxrigi

interesan babiladon antaux la trinkajxoj kaj mangxajxoj alportitaj de ni mem.

* La 20an de januaro, la loka radiostacio “Radio economía”, kies sidejo trovigxas en Mungia (Vizcaya), prezentis duonhoran intervjuon pri Esperanto kun la vicsekretario de HEF, t.e. Marcos Cruz.

*J. Miguel Garcia Iturrioz*




Jen la kovrilo de la verko “Lappar la antikristo”

* “La antikristo”, kurta filmo de Adam Gluzinski, ricevis la unuan premion en la 44a Internacia Festivalo de la Dokumentaj kaj Kurtaj Filmoj de Bilbao. La scenaro de la filmo baziĝas sur la esperantlingva rakonto de Endre Tóth, “Lappar, la antikristo”, libroforme aperinta en la samtitola novelaro eldonita de Hungara E-Asocio en 1982.

*El LOdE*



Jen Luis, juna pastro kiu, akceptinte la proponon de Astura E-Asocio fari meson en Esperanto, tuj vizitis Interreton por lerni pri la lingvo, kaj surprizi la ĉeestantojn per tre bona prononcado.

# Kantabrio

* La 15an de novembro okazis Ĝenerala kaj Eksterordinara Kunsidoj de ACE. Oni elektis novan Estraron, kiu konsistas el jenaj homoj:

Prezidanto: Miguel Gutiérrez
Sekretario: Pedro Ullate
Kasisto: Susana Gutiérrez
Voĉdonanto: Fina Diez
Voĉdonanto: Juan Azcuénaga

Oni decidis aranĝi komunan mendon de la Granda Vortaro Español-Esperanto de Fernando de Diego.

* ACE daŭre profitas la eblecon anonci la E-kursojn de la Asocio senpa-



Susana Gutiérrez, nova kasisto de la kantabra Asocio, dum kunsido

ge en la ĵurnaloj, kiuj proponas tiun servon: Usado kaj Intercambio.

* 17 membroj de ACE kolektiĝis la 14an de decembro por festi la Tagon de la Esperanta Libro (Zamenhof-feston). Unue oni kunvenis en la ejo de la Asocio kaj poste en restoracio, por frateca vespermanĝo.

## Kastilio kaj Leono

* En la sekcio "leteroj de la legantoj" de la ĵurnalo *La opinión* de Zamora (02.10.23) estas publikigita kun la titolo supre menciita, letero de membro de la E-Grupo de Valladolid, mencianta la inerkomunikan facilecon, kiu nuntempe ekzistas en la Eŭropa Unio pro la manko da limoj inter la ŝtatoj membroj kaj la uzo de la komuna monunuo, eŭro, kaj la malfacilaĵoj ekzistantaj pro la manko de komuna lingvo, laŭ opinio, kiun li aŭdis de eksterlanda kamionisto kaj pro propra sperto en sia laborejo. La aŭtoro finas sian leteron petante la apogon de la politikaj aŭtoritatuloj por disvastigi Esperanton ekde la elementa edukado.

* En la sekcio "agenda" (agendo), de la ĵurnalo *El Norte de Castilla* de Valladolid, aperis dum pluraj tagoj malgranda informo pri la okazigo de semajna kunsido de la loka E-Grupo, kun mencio de la ejo kaj de telefonnuermo por pliamplieksigo de la informo.

*L. Hernández*

## Katalunio

* BEC havis sian Ĝenerala Kunsidon fine de januaro.

* 2aj Someraj Dialogoj okazos la 6an kaj 7an de septembro en E-Restadejo. La Programo konsistos el prelegoj, E-kurso, dialogo pri instruado de Esperanto kaj turisma vizito. Informas: BEC. Salvador Aragay, Cami del Pou n-ro 9, 08691 de Monistrol de Montserrat, Barcelono. Tel: (34) 933.338.081.

* La 11a Internacia E-Semanino de Kulturo kaj Turismo okazos en la hotelo *Mercury* de Santa Susana, Barcelono de la 4a ĝis la 11a de oktobro. Informas: Luis Serrano Pérez, Tel: 937.275.021.

*El ĜI de BEC*

* La Zamenhofa Festo (esperanta librofesto) okazis en *Centre Civic Dalt de*



Zamenhof-festo en Badalono

*la Vila* en Badalona la 15an de decembro. Ĝin organizis pluraj katalunaj E-grupoj kaj ĉeestis 70 personoj. La partoprenantoj vizitis la distilejon de "*L' anís del Mono*". Poste S-ano Martí Guerrero salutis la kunvenintojn. Susana Fornell parolis pri Pasporta Servo, Salvador Aragay parolis pri la 143a datreveno de la naskiĝo de Zamenhof kaj pri la signifo de la librofesto, José María Galofré parolis pri la E-kurso en la Aŭtonoma Universitato de Barcelono, pri la stato de la instruado en la diversaj universitatoj de la mondo, kaj pri la situacio de Esperanto en la UE; fine, Juan José Crespo parolis pri Esperanto en Interreto. Poste...frateca kunmanĝo borde de la maro.

*J. M. Galofré*

* Vimala Devi, hinda esperantistino, verkistino kaj edzino de la portugala esperantista verkisto Manuel de Seabra, paro loĝanta en Barcelono, ĵus publikigis "Monsó" en la kataluna lingvo. La prezento okazis la 18an de novembro,

## Artikolo en Aerogaceta

Ĵus aperis numero 9 de la revuo "Aerogaceta", oficiala esprimilo de la Fondaĵo Emilio Herrera, kiu pritraktas temojn rilatajn al aviado, historio, ktp. En tiu numero oni publikigis artikolon (de mi mem verkitan) pri la rilato de Herrera al esperanto, alian klarigantan la esencon de la lingvo kaj fine kopion de artikolo kiu Herrera mem redaktis pri "Esperanto kaj la aerlinioj" en scienca revuo en 1928.

La revuo estos alirebla baldaŭ en la reto en la adreso. http://eherrera.aero.upm.es/gaceta/gaceta.htm

Mi profitas por diri ke portreto kaj informo pri Herrera, kiel prezidanto de la hispana registaro en ekzilo, aperas en la tre sukcesa ekspozicio pri la hispana ekzilo, kiun la Fondaĵo Pablo Iglesias organizis en la "Parque del Retiro" de Madrido.

*Toño del Barrio*

kaj recenzo aperis en "La Vanguardia" (reta eldono, 02.12.30). La verko estis antaŭe eldonita en Esperanto sub la titolo "Musono".

* Ĉiun merkredon (10:00—11:30) okazas renkontiĝo de esperantistoj en la kafejo King (str. Paul Claris 92, apude al Placo de Katalunio).

* Parta renovigo de la Estraro okazos en la Ĝenerala Kunsido de KAE, okazonta la 1an de februaro.

* La 19an de januaro okazis prezentado de la filmo *Metrópolis* en Esperanto, kun posta debato, en la kultura centro *Frederic Monpou* de *Castelldefels*.

*El KAE-bulteno*

# Madrido

* En januaro (25a), kiel kutime dum la lastaj jaroj, la madridaj esperantistoj kunvenis en restoracio por celebri la novan jaron kaj omaĝi nian komunan lingvon. Partoprenis pli ol 20 samideanoj, inter ili kelkaj membroj de la estraro de HEF kaj Gerardo Flores, unu el la plej aĝaj membroj de MEL. Poste kelkaj vesperkunvenis en apuda kafejo, kie oni babilis pri aferoj rilatantaj la E-movadon.

* Ekde la 13a de januaro denove okazas la ĉiulundaj konversacia-rondoj de MEL en la HEF-sidejo. La 13an kaj 20an de oni diskutos diversajn punktojn de la asemblea tagordo. La 25an (14:00 horo) Zamenhofa bankedo en Hotel Puerta Toledo. Kaj la 27an Ĝenerala Kunsido de MEL.

* Unu plian jaron (jam naŭ) la MEL-kotizo estas la sama: 12 eŭroj.




**Luis Serrano Pérez**

Font Nova 32, 08202 Sabadell

**luis_serrano@mixmail.com**

tel: 937-275-021

Konto ĉe *Banco Sabadell*:

**0081-0900-82-0006712480**


# Murcio

* La 15an de decembro 13 geesperantistoj de Alikanto kaj Mursjo renkontiĝis en Restoracio "Laura" por kunmanĝi flavan paelon verde. La etoso estis trankvila kaj amika, kvankam la paelo iom prokrastiĝis.

Kiel kutime, jam de kvar jaroj, oni disdonis la "Premion Tago de Zamenhof", kiu ĉijare estis duobla: kaj *La Esperanta Civito*, de Marie-France Conde Rey, kaj *Akra Reago*, de Jakvo Schram, estis la artikoloj premiitaj. Ni disdonis ekzemplerojn de tiuj du artikoloj kaj en Esperanto kaj en la hispana lingvo, ĉar ni trovis, ke ili ambaŭ meritas la premion. Interesitoj trovos ilin ĉe:

<http://storm.prohosting.com/jesuo/zam4.htm>

*Jesuo de las Heras*





Ankaŭ la esperantistoj de Alakanto kaj Murcio gaje festis la datrevenon de Zamenhof

# Tutnacia

* La 14an de decembro 2002, dum formala fonda kunveno, aprobiĝis la leĝa Statuto de asocio SAT-en-Hispanio. Dum ĝi, oni decidis kompletigi la nomon, por substreki la tendencon de la asocio, kaj permesi la senperan eksteran informadon. Tiu kompleta nomo estos "Maldekstro kaj Esperanto SATEH (SAT-en-Hispanio)", kaj ties ekvivalentoj en naciaj lingvoj. Oni elektis ankaŭ provizoran estraron ĝis venonta Ĝenerala Kunsido. Ĝi konsistas el Manuel Parra kiel prezidanto, Toño del Barrio kiel sekretario kaj Pedro Hernández kiel kasisto.

*SATEH*

* La televida kanalo TV3 petis de HEF la esperantan tradukon de kelkaj frazoj dirotaj de seriaĵ-roluloj. Temas pri komedia situacio en la felietona televid-intrigo "El cor de la ciutat", elsendata de lundo ĝis vendredo je la 15:50 horo. La tradukitaj tekstoj aperos en la ĉapitroj 520a (03-02-26) kaj 526a (03-03-06).

*A. Manero*

* Pola Radio (02.11.16) menciis la kurson "mail-x-mail" por hispanlingvanoj, danke al raporteto verkita de samideano Dario Rodríguez por la informilo NUN. Pola Radio menciis ke la aŭtoroj estas Ana Manero kaj Marcos Cruz, kaj ke jam aliĝis preskaŭ 1.500 lernantoj.

*Dario Rodríguez*

* Plian fojon hispana periodaĵo aperigis informon pri Esperanto. La semajna gazeto *Pronto*, kiu prezentas kolekteblajn slipojn sub la ĝenerala titolo *Granda Sliparo de la Scio*, respondas en sia kultura fako al la demando *Kiel naskiĝis Esperanto?* per konciza informo tipe enciklopedia. Notindas ke, en la fino, oni proponas ttt-ejon por la legantoj kiun deziros lerni la lingvon.

*L. Hernández*

# Oni parolas pri ni

Ja ne oftas trovi en lernolibro aludon pri esperanto aŭ planlingvoj ĝenerale, tial agrable surprizis min la suba ĉerpaĵo.

Manuel Lozano Fuego. "Lengua Española 6º EGB. Libro de consulta del alumno".

Ed. Anaya, 1976.

Lección 1: El lenguaje; capítulo 3: Las lenguas (pág. 9-11)

" (...)

Lenguas "artificiales" son las creadas por los hombres cultos en un intento de dar a toda la Humanidad una lengua común. Entre ellas están el "interlingua", el "esperanto", el "volapük", etc. La más extendida hoy es el "esperanto", y su derivación, el "ido".

(...)

Para que veas cuán diferentes son las lenguas y también cómo algunas se parecen entre sí, vamos a ponerte unos trozos en diferentes idiomas:

(...)

ESPERANTO:

Se lingvo internacia helpa alportus al la homaro grandegan utilon, kaj se la ekzistado de tiu lingvo estas eblas, ni logike devas pensi ke pli aŭ malpli frue lingvo internacia estos enkondukita."

Sekvas traduko en la hispanan.

*Ana Manero*

¿ **CUÁNTAS TRADUCCIONES HAY DE «EL QUIJOTE»?** La obra maestra de Miguel de Cervantes es, después de la Biblia, la obra más traducida del mundo. Se ha editado más de 3.000 veces y se puede leer en más de 50 idiomas, entre ellos, en latín, morse, esperanto y lenguas minoritarias como islandés, sánscrito, javanés, afrikaans o tagalo.

40 **pronto**

La vorto Esperanto aperas ĉiam pli kaj pli en la amaskomunikiloj. Vidu supre ekzemplon el la revuo Pronto.

# Silvestro en Trier



Jen la partoprenantoj el "tiu parto de la ibera duoninsulo kiu ne estas Portugalio"

Al la germana urbeto Trier veturis homoj du el Barcelono, naŭ el Madrido kaj po unu el Sant Cugat, Sopelana, Valencia kaj Gasteiz, por partopreni dum la silvestra semajno la 46an Internacian Seminarion organizitan de Germana E-Junularo. Ĝi estas unu el la plej grandaj junularaj E-renkontiĝoj en la mondo: ĉiun jaron ĉirkaŭ 300 (ne nur) gejunuloj partoprenas ĝin, okazanta ĉiujare en alia germana urbo.

Okazis multaj kaj interesaj programeroj: seriozaj diskutoj, kursetoj pri lingvoj, pri dancoj, pri ludoj, subpluvaj promenoj... Kompreneble, la jarŝanĝon ni festis inde, per bona bufedo, dancado kaj eĉ vinberoj. Ni vizitis en Luksemburgo la Eŭropunian Justican Kortumon, ni aŭskultis koncerton de la fama grupo Kajto kaj spektis aliajn vesperajn amuzaĵojn. Sed, plej grave, ni resalutis malnovajn konatojn kaj ekkonis novajn geamikojn.

La organiza stilo de ĉi tiu tradicia aranĝo estas... juneca stilo: oni luas tutan junulargastejon, kun plurlitaj dormoĉambroj, memserva manĝejo kaj kelkaj salonetoj, tiel ke la kotizo inkluzivas kompletan loĝadon. La organizantoj lerte zorgas ĉiun detaleton por la glata funkciado, kvankam foje la gastejestro montriĝis tro rigora kaj ne komprenema.

*Manolo Parra*

# Gran Diccionario

# Español-Esperanto

Finfine jen longe atendita novaĵo: eblas jam antaŭmendi ekzemplerojn de "Gran Diccionario Español-Esperanto" de Fernándo de Diego, kiun oni prezentos al la publiko la 15an de julio 2003 en Valencio, okaze de la 62a Hispana Kongreso.

La hispana vortaro tre similos al la "Nova PIV" laŭ nombro da paĝoj kaj formato. Tamen ĝia fina prezo estos nur 45 eŭroj. Jes, vi bone legis. Nur 45 eŭroj. Sed ankoraŭ pli bone... se vi antaŭmendos, vi ŝparos 15 eurojn! (2.500 ptojn), ĉar por antaŭmendanto la prezo de la vortaro draste falas ĝis... 30 eŭroj! (nur 4.992 ptoj), plus sendokosto*.

Estas dezirinde ke la Grupoj kaj Asocioj zorgu pri la akiro de mendoj en siaj respektivaj regionoj, kun la celo ŝpari.

Tial do ĉiu faru sian mendon pere de la loka grupo. Tamen... se tio ne eblas, tiam oni mendu individue laŭ jena sistemo:

Pagu "rekte" en oficejo de BBVA, kontonunero: 0182-3834-30-0200964425, kiu aperas sub la nomo de Miguel Gutiérrez, 35 eŭrojn (30 + 5 pro sendokosto). Se vi pagas pere de alia banko, tiam aldonu 3 pliajn eŭrojn (38). Poste sendu kopion de via pago al: mga; Los Coteros 1 C, 2 Iz; 39600 Muriedas; Cantabria. aŭ per interreto al <liven@wanadoo.es>, aŭ telefone al 942-260058.

Finfine!

## A

**a** a: *una a minúscula, mayúscula*, minuskla, majuskla a ? *?a por a y b por be*, detale; detalon post detalo ? *demostrar por A más B*, pruvi per A plus B ? al: *escribo a mi padre*, mi skribas al mia patro; *iremos a Zaragoza*, ni iros al Zaragozo; *de calle a calle*, de strato al strato ? ĉe: *le cogieron a la puerta*, oni kaptis lin ĉe la pordo; *a la derecha del camino*, ĉe la dekstra flanko de la vojo ? je: *a las siete de la mañana*, je la sepa matene; *Madrid, a 7 de febrero*, Madrido je la sepa de februaro ? kiel: *a lo caballero*, kiel ĝentlemano ? kontraŭ: *ganar dos goles a uno*, gajni per du goloj kontraŭ unu ? laŭ: *a la francesa*, laŭ la franca maniero; laŭ la franca modo ? per: *escribir a lápiz*, skribi per krajono; *a la fuerza*, per forto; *matar a pedradas*, mortigi per ŝtonbatoj ? po: *dos a dos*, po du ? por: *a beneficio del pueblo*, por la bono de la popolo ? post: *paso a paso*, paŝon post paŝo ? ĝis: *vadeó el río con el agua a la cintura*, li vadis la riveron kun la akvo ĝis la talio ? *a caballo*, (sur)ĉevale ? *a casa*, hejmen ? *¡a comer!*, tempo manĝi! ? *a que llego antes que tú*, mi vetas, ke mi alvenos antaŭ ol vi ? *a no ser por ti hubiera perdido mi fortuna*, dank' al vi mi ne perdis mian kapitalon ? *a decir ver-*

## Mendu tuj!

Memoru ke preferindas KOMUNAJ mendoj. Tiel oni povos sendi grandajn pakojn rekte el la presejo. Kaj la E-movado ŝparos kostojn de la sendado de la presejo al la eldonejo, kaj kostojn de posta distribuado kaj pakado kiun la eldonejo devus plenumi por resendi al ĉiu aparta mendinto, kiu, cetere, ricevos la libron multe pli malfrue ol komuna mendinto. Ni evitu do perdon de tempo kaj mono, kiu irus al la poŝo de la nacia poŝto. Tiu mono prefere restu en la poŝo de la esperantistoj kaj de la E-movado. Organizu KOMUNAN mendon en via urbo!

*M. Zocato*

* Sendokosto por unuopa antaŭmendo en Hispanio: 5 eŭroj; Sendokosto por grupa antaŭmendo en hispanio: 3 eŭroj; Eksterlandaj mendantoj demandu ĉe <liven@wanadoo.es>.

**Tre Grave:**

**La tempolimo**

**por antaŭmendoj estas**

**la 15an de Marto.**

# Ĉirkaŭ la mondo

* Aperis la 5a kajero de Komencanto, revuo por komencantaj aŭtoroj. Kiel ĉiam tre interesa enhavo. Multaj kontribuantoj el la tuta mondo. Ĝi aboneblas ĉe UEA (15 eŭroj).

*Viktor Kudrjavcev*

* TEJO instalis novan ret-ejon por informado-temoj: informiloj, oftaj demandoj pri esperanto, forumo, ĝeneralaj konsiloj... Ĝia adreso: Reta Informado-Centro (RIC): <www.ikso.net/ric/>

* La 22an de oktobro de 2002, matene, estis murdita per hakilo mirinda kaj gastigema homo, afabla kaj kredoforta sacerdoto, multjara membro de IKUE, parohestro en Maria-pilgrimloko Dub nad Moravou (Ĉeĥio) Cyril Vrbik. Li iĝis viktimo de 28jara satanismano.

*Miloslav Svacek*

* Post preskaŭ unujara preparlaboro, malfermiĝis la Esperanta ret-portalo <gxangalo.com>! Ĝi estas aktualigita ĉiutage! Vizitu ĝin!

* La 27an de Januaro okazis Literatura Rondo en la sidejo de Kultura Kooperativo de Esperantistoj en Rio de Janeiro, Brazilo, pri la temo: Serio Sferoj: sciencfikcio en esperanto.

*ludoviko44@yahoo.com.br*

* En aprilo de 2003 okazos la 6a Tutamerika Kongreso de Esperanto en Havano, Kubo.

* Dudeko da ludoj en Esperanto, malgrandaj, simplaj, diversspecaj, kelkaj vere belaj, utilaj por instruado, cerbotrejnado aŭ nura plibonigo de la humoro, troveblas ĉe: http://mpovorin.narod.ru/ludoj/ludoj.html

*Mihail Povorin*

* ATEO (Ateista Tutmonda Esperantista Organizo) celas:

— Kunligi e-istajn ateistojn kaj liberpensulojn.

— Disvastigi E-on inter ateistoj.

— Defendi propran egalrajtecon kaj kontraŭi trudadon de religio en neŭtralajn E-grupojn.

— Instigi ĉe neŭtralaj E-grupoj, ke oni egale varbu por E-o ĉe nereligiaj grupoj se oni varbas ĉe religiaj grupoj.

— Akceli racian pensmanieron en Esperantujo kaj pri E-o mem kaj strebi altigi la intelektan kaj kulturan nivelon de Esperantujo.

— Libere diskuti kaj analizi ateismajn movadojn, politikojn, kaj filozofiojn kaj ĉiajn rilatajn sociajn problemojn.

— Malkateni la mensojn!

Prezidanto: Ralph Dumain, el Usono; Vizprezidanto: Claude Nourmont, el Luksemburgio; Sekretario: Helga Rapley, el Francio; Kasisto: Dieter Rooke, el Svislando; Vokalo: Anna Lowenstein, el Italio; Redaktoro: Jesuo de las Heras, el Hispanio.

* La aventuroj de la flandraj buboj Suske kaj Wiske estas konataj en ĉiuj partoj de la mondo kaj nun, danke al FEL, ankaŭ en Esperantujo sub la nomo Cisko kaj Vinjo. La titolo de la unua verko estas "La brusela bubo".

* La retrospektiva katalogado en Trovanto estas finita. Tio signifas, ke en ĝi troviĝas la tuta havaĵo de Internacia Esperanto-Muzeo de Vieno laŭ jenaj kategorioj: libroj, broŝuroj, "griza literaturo", manuskriptoj, gvidiloj, muziknotoj, aŭdkasedoj, vidbendoj...

Trovanto fariĝis, kun siaj 29.000 rikordoj, la plej granda datenbanko pri Esperanto kaj interlingvistiko. La laboron oni komencis en 1996.

La daŭrigo kaj aktualigo de la katalogo okazos se oni utiligas la datenbankon.

www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/index.htm

Cetere, ekde februaro 2003 la Esperanto-Muzeo estos malfermita (escepte de la ŝtataj festotagoj: 10.01 kaj 06.30): lunde ĝis merkrede: 9.00 - 16.00; ĵaŭde: 12.00 - 19.00; vendrede 09.00 - 13.00

Tio signifas semajne 12 horojn pli ol antaŭe. Tamen, se vi volas veni en aliaj horoj, bonvolu antaŭe interkosenti

*Herbert Mayer*



La esperanta flago fiere ondis en Porto Alegre.
(Nu, eĉ la nomo de la urbo belas kompare kun la "obskura" Davor!)



## Diversaj sed kunaj danke al Esperanto

Amkaŭ en Bydgoszcz, Pollando, organizita kaj direktita de la geprofesoroj de la Studumo Aneta Bedkowska kaj Augusto Casquero, oni festis la datrevenon de la naskiĝo de Zamenhof. Partoprenis la aranĝon homoj el diversaj landoj (Pollando, Albanio, Demokrata Respubliko Kongo, Litovio, Mongolio, Hispanio...) kun trinkado, inter alie de "sangría", preparita de la profesoro Augusto Casquero.

# La Korano kaj Esperanto



Reage al kurioza elĉerpaĵo, afable sendita de Pedro Hernández Úbeda kaj aperinta sur paĝo 23 de *Boletín* (n-ro 358, novembro-decembro 2002), el paĝo 529 de verko kun pretenda titolo*, mi analizas kaj komentas kelkajn frazojn el tiu elcerpaĵo.

Ni legis, ke la sola sankta lingvo de Islamo estas la araba *(el árabe es la única lengua sagrada del Islam)*. Prave, se ni komprenas trafe la sencon de tiuj vortoj ĉi-kuntekste.

La araba lingvo estas kompleksa fenomeno konsistanta el diversaj tavoloj: historiaj, lokaj, sociaj. El historia (aŭ tempa) vidpunkto, ni povas kompreni (laŭ tempa vic-ordo) antaŭklasikan araban, klasikan araban kaj modernan araban. El socia vidpunkto ni povas kompreni, por ĉiu epoko, altan araban kaj basan araban. Ne indas mencii ĉi tie la lokajn tavolojn.

La precipaj skribaj referencoj de Islamo (nome, la Korano kaj la Hadisoj; respektive la vorta revelacio kaj la rakontoj pri la ricevinto de tiu vorta revelacio) alvenis ĝis hodiaŭ vestitaj je antaŭklasika, alta lingvaĵo araba. Ĉiu alilingva prezento de tiuj referencoj estas konsiderataj kvazaŭ komentoj, ne kiel la tekstoj mem.

Aliflanke, **sankta lingvo** ne estas nur liturgia lingvo. Liturgia lingvo estas oportuna, tradida kostumo lingva de religia rito. Sankta lingvo, tamen, estas lingva manifestiĝo aŭ sinprezento de religia vero. Tio estas: sankta lingvo ne (nur) esprimas religian veron, sed ĝi mem estas veraĵo laŭ sia strukturo sur ĉiu nivelo (sona, forma, konstrua, stila, skriba...). Montri nun ekzemplojn tro longigus ĉi tiun jam tro longan klarigan reagon.

Nu, estas certe, ke ĉe strikta-senca Islamo (la historia fenomeno, kiu en Esperanto ricevas tiun nomon; mi ne parolas ĉi tie pri Islamo en larĝa, universala senco) la lingvo de la Korano estas nedisigebla parto de la revelacio, tiel ke la islama tradicio bildigas kaj klarigas parton de siaj instruoj eĉ surbaze de la formoj kaj lokoj de literoj en la teksto de la Korano, eĉ surbaze de la lango-movoj ĉe la prononco de tiuj literoj.

La vorto 'Korano' mem ne signifas 'legaĵon' sed 'recitadon'. Kaj ĉe recitado plej gravas ecoj de sonoj. Tio estas,

**77. kaj vere ĉi tiu estas granda ĵuro – se vi nur scius!**

**78. Ĉi tiu vere estas nobla Korano**

**79. en Libro bone gardata,**

**80. kiun neniu alia povas tuŝi, ol la puruloj,**

**81. revelacio de la Sinjoro de l' Universo.**

**82. Ĉu vi volas rifuzi ĉi tiun Dian anoncon?**

**83. Ĉu vi volus fari la rifuzon de ĝi via ĉiutaga nutraĵo?**

فِىْ كِتٰبٍ مَّكْنُوْنٍ ٧٨

لَّا يَمَسُّهٗۤ اِلَّا الْمُطَهَّرُوْنَ ٧٩

تَنْزِيْلٌ مِّنْ رَّبِّ الْعٰلَمِيْنَ ٨٠

اَفَبِهٰذَا الْحَدِيْثِ اَنْتُمْ مُّدْهِنُوْنَ ٨١

وَتَجْعَلُوْنَ رِزْقَكُمْ اَنَّكُمْ تُكَذِّبُوْنَ ٨٢

فَلَوْلَاۤ اِذَا بَلَغَتِ الْحُلْقُوْمَ ٨٣

وَاَنْتُمْ حِيْنَئِذٍ تَنْظُرُوْنَ ٨٤

unua-loke gravas tio, kion ni sentas; ne tio, kion ni komprenas. Jen ekzemplo de la relativaj gravecoj de sento kaj kompreno en Islamo: en la plej sublima fazo de unu el la islamaj ritoj, kiam oni lasas la frunton alveni ĝis la grundo-nivelo, la koro restas sur pli alta nivelo, en la centro de la 'kap-al-teranta' homo, eĉ se ĉe la fino oni 'revenas al la mondo' kun stabila kapo sur la kolo.

Tiusence, kiam islamano proksimiĝas al sia vorta revelacio, tiu proksimiĝo estas pli intima (kaj tial preferata), se oni aliras tiun revelacion per ĉiuj eblaj rimedoj; do ne nur sence sed ankaŭ eĉ sone. Kompreneble, en aliaj momentoj, malpli intimaj, eble pli gravas aliaj aspektoj de la teksto kaj tial oni uzas aliajn rimedojn por aliri ĝin.

Ni legis ankaŭ, ke la arab(deven)a skrib(sistem)o estas la sola skribsistemo, per kiu oni redaktas **islaman literaturon** (y la escritura árabe [es] la única modalidad gráfica en la que se redacta literatura islámica). Malpli prave, kiel ajn oni komprenas tiun aserton.

Estas vero, ke multaj islamaj komunumoj kaj popoloj alprenis iun aŭ alian version de la arab(deven)aj literoj por skribi siajn lingvojn, sendepende de tio, ĉu tiu aŭ alia lingvo jam havis propran aŭ pruntitan skribsistemon. Tamen ne ĉiam. Ekzemploj de nealprenoj, eĉ de forlasoj, abundas tra la historio. Ekzemploj de nealpreno estas la ĉina kaj la tibeta; ekzemploj de forlaso estas la malaja kaj la turka. Kaj multas aliaj. Belaj ekzemploj de nuntempa kastili-lingva literaturo islama troveblas sur la Tut-Tera Teksaĵo (*www.webislam.com, www.musulmanesandaluces.org, www.zavviva.org,* se mencii nur la plej legatajn).

Ni legis plu, ke oni rekonas la Koranon nur en ties **originala versio araba** *(El Corán sólo es reconocido en su versión árabe original)*. Mi jam klarigis, kion oni komprenu ĉe 'rekono'. Oni ne povas tuj rekoni alivestitan (t.e. aliling-

van) Koranon, ĉar oni —tute probable— tradukis nur la sencon (ĉe laŭeble plej bona traduko). Kaj la senco, kiel dirite, estas nur unu el la flankoj de la Korano ĉe la praktiko de Islamo.

Tiel, do, ni povas kompreni, kial ĉe seriozaj praktikantoj de Islamo ne estas aŭtoritataj ĉu germanaj, ĉu anglaj, ĉu alilingvaj tradukoj *(entre los musulmanes estrictos, las traducdones al alemán, inglés u otras lenguas carecen de autoridad)*. Strange nur, ke la aŭtoro parolas pri aŭtoritato. Sajnas, ke li subkomprenas, kvazaŭ la Korano estus ia leĝaro aŭ ordonaro, dum ĝi fakte estas komprenata, tradicie, kiel vorta revelacio, kies vivo surtera sinas en la homaj koroj, kaj kiu iras de koro al koro per lipoj kaj oreloj. Tio, kiel agas materie la portantoj de tiu revelacio, estas afero dependa de la grado, ĝis kiu tiu teksto efektive nestis en la respektivaj koroj. Do, en strikta senco, oni ne povas paroli pri aŭtoritato, krom se ni alisencigas tiun vorton: tiam 'aŭtoritato' signifus aman respekton al revelacio, kiun ĉiu povas mem ricevi en sia koro, kiun ĉiu povas mem eldiri, kiu ĉiun povas ja kunporti ĝis la pordoj de Paradizo, se ĉiu nur ekpasu. Sed tiu pasado ja estas praktika Islamo.

Laste, mi povas nur surpriziĝi je tio, ke nur unu el la artefaritaj universalaj lingvoj, nome Esperanto, estas **akceptata kiel traduklingvo** *(Sólo una de las lenguas universales de creación artificial, el esperanto, se acepta como lengua de traducción)*. Nu, kion diri...?

Se mi reagus **emocie**, mi dirus: Mi restas muta, kiam mi aŭskultas tian sensencaĵon. Estas evidente, ke la aŭtoro, kun sia universala pretendo, nenion komprenas pri bazaj konceptoj de la temo, kiun li aliras; kaj li, versajne, nur alprenas senbazajn asertojn el aliaj verkoj sen antaŭa serioza studo de la temo. Bedaŭrinde, tro multaj libroj ekestis kaj ekestas (kaj, mi timas, plu ekestos) el nura kunflikado senpripensa de pecoj diversaj. Sed kiu povas konsideri tion katastrofo en nia mondo konsum-avida? Pli rapide, pli alte, pli forte, pli, pli...

Sed mi estu nur racia. Ekzistas tri lingvo-tipoj: eblaj, neeblaj, efektivaj. Esperanto estas efektiva lingvo, kaj ĝi havas la trajtojn de ĉiu efektiva lingvo. La lingvaj trajtoj, pro kiuj ne eblas (praktike) traduki recitadon en plena senco, troviĝas en ĉiuj efektivaj lingvoj homaj. Kaj se ni sukcesus difini kaj konstrui lingvon, en kiun eblus traduki recitadon en tiu plena senco, tiu lingvo jam ne estus Esperanto, sed ia superlingvo, kiun mi ne sukcesas imagi, kaj kiu ebligus transdoni ne nur la sencon sed ankaŭ la sonon de la originalo, kaj la manieron, kiel la sono kaj la senco interligiĝas (se ne paroli pri aliaj aspektoj de ĉiu ajn lingvo).

Ricardo-F. Albert**

*) Historia universal de la escritura (t.e. Universala historio de la skribo), de Harald Haarmann (kastilia traduko de Jorge Bergua Cavero), Eld. Gredos.

**) Laboras nuntempe ĉe la Islama Kultur-Centro de Madrido. Pretigas doktorigan disertacion pri temo rilata al la islama pensado tradicia.

# Madrido: Vojkruciĝo de kulturoj




Pasintan septembron la "Dirección General de Promoción Educativa" el la Konsilio pri Edukado de la madrida registaro, kontaktis la HEF-ejon por peti ties helpon en la realigado de kultura projekto.

Temas pri ampleksa programo kiu, sub la nomo "Madrid: encrucijada de culturas", estos proponota al la ĉiam pli plurkulturaj madridaj lernejoj. Ĝi celas novajn enfokusigojn kaj metodologiajn strategiojn, kiuj malfermu vojojn al konsciiĝo kaj kritika rezonado, ebligante tiel pli pozitivajn sintenon kaj konduton en rilato al la interkultura kunvivado.

Kadre de tiu programo, okazos verk-konkurso por interalie plibonigi la beletran kompetenton de la lernantaro per traktado de interkulturaj temoj. Tial eldoniĝis KD-romon enhavantan kaj didaktikajn proponojn kaj komentitajn antologiojn. Unu el la eroj, poemo de Clarisse Nicoidsky originale verkita en la sefarda, estis tradukita en dudekon da lingvoj. Ĉar la responsuloj de la projekto volis, ke unu el tiuj lingvoj estu esperanto, ili kontaktis la oficejon helpopete.

El la originalo kaj hispana traduko ricevitaj, Jorge Camacho verkis la esperantan vesion. Jen la frandinda rezulto:

unu man' alian prenis
kaj ĝin petis ne kaŝiĝi
kaj ĝin petis ne angori
kaj ĝin petis ne forkuri

unu man' alian prenis
metis ringon al la fingro
metis kison sur la polmon
kaj manplenon da am'

la du manoj interprenis
kaj atingis tian forton
ke la murojn ĝi faligus
ke la vojojn ĝi malbarus

Sekve de tia traduka kunlaboro, HEF ricevis inviton de la Konsilio pri Edukado, ĉeesti la oficialan prezenton de tiu programo, okazinta la 4an de decembro 2002 en la Foirejo "Juan Carlos I". Ĉar bedaŭrinde la dato kaj la horo malkonvenis pro laboraj kialoj, neniu reprezentanto de HEF povis ĉeesti la eventon; tamen ĉiaj dokumentoj —inkluzive de la KD-romo "Madrid: encrucijada de culturas" enhavanta la programon kaj la esperantan kontribuon— riceviĝos en la oficejo, laŭ promeso de la registaraj organizintoj.

*Ana Manero*



La mastruma sistemo "Linux" montriĝas ĉiam pli kaj pli amikema kaj proponas al la uzanto labori pere de la plej gravaj lingvoj, inter ili, kompreneble,... Esperanto.

*Rodolfo Cané Marín*

# Forpasis

Komence de januaro 2003 forpasis Ángel Figuerola Auque (DM-132), iama Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, kiu malavare helpis financi la akiron de la sidejo kiun HEF nun posedas. Nian sinceran kondolencon al liaj filoj.

*Manolo Parra*

Komence de 2002 forpasis Felix Gómez Martín, aeronaŭtika inĝeniero, kiu esperantiĝis en la 40aj jaroj. En 1953 li kun aliaj samideanoj fondis Madridan E-Klubon. En 1962 la nomo de la asocio ŝanĝiĝis al Madrida E-Liceo, kaj Felix fariĝis lia sekretario. Samjare, kun la aprobo de la Ministerio pri Eksteraj Rilatoj, oni nomis lin oficiala reprezentanto de Hispana E-Federacio ĉe la hispana ambasado en Danlando, kaj en la 47a Universala Kongreso en Kopenhago. Inter 1964 kaj 1968, la sidejo de MEL estis lia propra hejmo. Li partoprenis aktive en multaj naciaj kaj universalaj kongresoj kaj ekde 1975 estis peranto de la ĉina revuo "El popola Ĉinio". Li estis prezidanto de MEL dum la jaroj 1967-68.

*El Nia voĉo*

# Prezidanto en nia koro



Angel Figuerola kaj lia edzino, kiu ĉiam akompanis lin, maldekstre antaŭe

Angel Figuerola Auque (1913-2003) prezidis la Hispanan Esperanto-Federacion de la jaro 1970a ĝis 1977a. Licenciulo pri Filozofio kaj Beletro, elstara aktivulo de la Blindulara Hispana Esperanto-Movado. Li esperantistiĝis en la 1930a jaro.



Prelegante

Post la intercivitana hispana milito, li denove aktivis kun renovigitaj fortoj por Esperanto, speciale inter blinduloj, Prezidanto de la OKK kaj ĉeforganizanto de la 18a Hispana E-Kongreso okazinta en Madrido en la jaro 1957a li prezidis ankaŭ la asociojn "Hispana Esperanta Aŭroro" kaj "Liceo de Esperanto" de Madrido. Kadre de la Universala Kongreso okazinta en Madrido en la jaro 1968a li organizis Internacian Blindularan Kongreson, kiun li mem prezidis. Li ofte prelegis en esperantistaj medioj.

(Biografieto el la libro "Analoj" de Antonio Marco)

## Amiko de Hispanio

En pasinta septembro forpasis en Osaka, 58-jara, japana samideano Jukio Hirai, profesia tradukisto de la hispana lingvo. Li tre rilatis al Hispanio per siaj esploroj pri la agadoj de nia samideano generalo Julio Mangada en la civila milito, el kiuj sekvis serio da artikoloj pri li en la japana revuo "La Movado". S-ano Hirai studis pli ol unu jaron en Barcelona Universitato en 1979, kaj li ĉiam memoris ke barcelonaj esperantistoj, kaj speciale la respondeculoj de E-Muzeo de Sant Pau d' Ordal donis al li grandan helpon. Ni kondolencas lian edzinon Isako.

*TdB*

## Niaj herooj

# Cayetano Redondo Aceña, "nia" urbestro

En numero 357 de Boletín vi legis la novaĵon ke strato de Madrido portos la nomon "Alcalde Cayetano Redondo", kaj eble multaj legantoj, eĉ madridanoj, unuafoje eksciis ke ekzistis urbestro de Madrido kun tiu nomo, kaj ke li estis esperantisto. Ne estas mirinde, ni jam aliloke diris ke la ombro de la memoro pasis super multaj tre valoraj homoj, precipe kiam aldoniĝas la fakto ke ili apartenis al la flanko kiu perdis la hispanan (mal)civilan militon.

En nia kazo, eblas tion montri per anekdoto. Kiam tiu ĉi numero aperos, ankoraŭ estos vizitebla ekspozicio organizita de la madrida urbestraro, pri la lastaj tri jarcentoj de la historio de la urbo. En ĝi aperas la portretoj de ĉiuj urbestroj de Madrido. Nu, ne de ĉiuj: mankas kelkaj malmultaj, kaj inter ili tiu de Cayetano Redondo, urbestro de la Madrido sieĝata, de novembro de 1936 al majo 1937. Oni ne povis fari al li oficialan portreton... ĉar li estis mortpafita tuj post la fino de la milito. Fakte, vi havas en viaj manoj premieron: la bildo kiu akompanas tiun ĉi artikolon estas eble unu el la unuaj publikigitaj de Cayetano Redondo post tiu tempo.

Kaj sendube li ne meritas tiun forgeson, ĉar li krome okupis pintajn postenojn en la Socialista Partio kaj en ĉiuj lokoj kie ĝi havis ian influon.

Ĵurnalisto, tipografo, li eklaboris kiam apenaŭ estis 14-jaraĝa kaj junaĝe lernis esperanton. Naskiĝinta en Segovio en 1888 li estis lernanto de la Tipograf-Lernejo de la Ĝenerala Asocio pri Presarto. Fondinto de la Socialista Junularo de Madrido li estis prezidanto de la Nacia Federacio de JSE (Socialista Junularo de Hispanio) en 1918.

Li laboris kiel tipografo kaj estis direktoro de la ĵurnaloj "Renovación" (Renovigo), "El Trabajo" (La Laboro), "La Edificación" (La Konstruado) kaj "El Socialista" (La Socialisto), ĉi tiu lasta dum 15 jaroj. Li estis elektita konsilanto de la Urbestraro de Madrido en 1931, en la famaj balotadoj kiuj alportis la respublikon, kaj poste li estis elektita vicurbestro de distrikto Universitato.

Cayetano Redondo estis kun Francisco Azorín kaj Rodrigo Almada la triopo de elstaraj esperantistoj en la Hispana Parlamento reprezentantaj la Socialistan Partion (Konstituantaj Kortesoj 1931-1933).

Kiel esperantisto oni scias ke en unu el la kunvenoj organizitaj en la Popoldomo de Madrido en 1930 por soleni la datrevenon de la Laborista Esperanta Grupo de Madrido, Cayetano Redondo prelegis pri tiu historia temo, kaj en sia parolado li rakontis unu el siaj spertoj kiel esperantisto: li partoprenis en Internacia Socialista Esperanto-kurso okazinta en Vieno, en kiu ĉiuj partoprenantoj estis devigataj paroli dum unu completa semajno nur esperanton. La celo de tiu kunveno en Aŭstrio estis debati socipolitikajn problemojn kun karaktero internacia, tiuokaze li deklaris: "mi estas plene konvinkita pri la neceso de lingvo internacia por interrilato de ĉiuj diverslandaj socialistaj partioj, kaj precipe inter laboristoj el ĉiuj landoj". Kaj en tiu senco li elvokis frazon de la ĉefgvidanto de la Socialista Partio, Pablo Iglesias, al nia samideano Francisco Azorín: "se mi estus pli juna kaj havus ioman liberan tempon, certe mi studus esperanton".

Cayetano Redondo prezidis la solenan malfermon de la 9a Hispana Esperanto-kongreso okazinta en Madrido en 1932. Estis li kiu faris interesan paroladon emfazante la grandajn ecojn de esperanto kiel dua lingvo por ĉiuj, kaj kiel ekzemplo li citis la menciitan socialistan esperantistan kunvenon de Vieno. Li ankaŭ emfazis la gravecon de la Universalaj Esperanto-Kongresoj kaj la homaman idealismon de la esperantista idearo.



**Cayetano Redondo Aceña, Urbestro de Madrido kaj aktiva esperantisto.**

(La foton, neniam antaŭe publikigita, peris al ni Fundación Pablo Iglesias)

Homo elokventa, li ankaŭ intervenis kiel esperantista preleganto en serio da prelegoj organizitaj en 1934 de la Pedagogia Fako de la Madrida Scienca Literatura Ateneo.

Kiel ni jam menciis, dum la intercivitana hispana milito li estis Urbestro de Madrido, de novembro de 1936 ĝis majo de 1937, dum la tempo pli severa de la defendo de Madrido, post la translokiĝo de la registaro al Valencio. Poste li deĵoris en pluraj politikaj postenoj, interalie kiel membro de la Provinca Deputitejo de Madrido. Li estis ankaŭ reprezentanto de la PSOE antaŭ la kataluna PSUC. Je la fino li intervenis en la milito kiel Komisaro de la IX-a Korpuso de la Respublikana Armeo sur la batalfronto de Andaluzio.

Arestita je la militfino, fare de la reĝimo de la diktatoro Franco, li estis mort-

pafita ĉe la muroj de la Almudena tombejo de la hispana ĉefurbo la 21an de majo de 1940.

Lia sorto estis tiel kruela ke laŭ niaj informoj, eĉ propran tombon li ne havis, kaj li estis enterigita en la tombon de unu lia kompano socialista. Ankaŭ la forgeso falis super lin, ĉar la reĝimo de Franco ne konsideris lin kiel urbestron laŭ la protokolo de la municipo.

Fine, oni nun komencas fari justecon. Li havos straton, cetere tre proksiman al tiu dediĉota al alia pionira propagandanto de nia lingvo, la prezidanto de la Unua Respubliko, Pi i Margall. Kaj ankaŭ la esperantistoj jam memoras ke unu el iliaj samideanoj meritas la agnoskon kaj la omaĝon de la nuna movado.

*Antonio Marco — Toño del Barrio*

---

## Emas korespondi

* Miguel Angel Pérez Mas; Alejandro Cardona 12; 46780 OLIVA (Valencia).

* Se vi deziras koreespondi kun japanoj kontaktu:

Koresponda Servo de JEI

Sinzyuku-ku waseda-mati 12-3

Tokio, 162-0042 Japanio

Kaj ne forgesu aldoni vian aĝon, sekson, profesion, interesojn kaj preferojn. Cetere, aldono de 2 internaciaj respond-kuponoj faciligos nian laboron!

## El Francio

* En 2004 la E-Centro de Angers (Francio), festos sian centan datrevenon. Oni antaŭvidas diversajn manifestaciojn kaj interalie internacian ekspozicion de infanaj desegnoj, sub oficiala patronado, pri la ĝenerala temo "daŭra disvolviĝo" (protektado de la naturo, arbaroj, bestoj, lukto kontraŭ la polucio, lernejoj por ĉiuj infanoj, suna energio, pli sana agrikulturo, agado por havigo de pura akvo, protektado de la sano, ktp.).

La plej belaj desegnoj ricevos premion kaj por la lernejaj kolektivaj sendoj oni antaŭvidas interŝanĝon de desegnoj kun francaj lernantoj.

Estos tri kategorioj por partoprenantoj: ĝis 7-jaraĝaj,; de 7 ĝis 10-jaraĝaj; de 10 ĝis 14-jaraĝaj.

La desegnojn sendu al: Esperanto-Centro; s-ro Frangeul; rue de Buis 6: FR-49000 Angers; Francio; Rete: bertrand-gilet@wanadoo.fr

* Kiel ĉiujare, ankaŭ en 2003 okazos printempa staĝo organizita de CBE, *Cercle Biterrois d' Espéranto*, de la 14 ĝis la 21a de majo en la bieno *Dragonnière* apud Beziers. Informojn petu de: CBE; rue Georges Picot 9; FR-34500 Beziers; Tel+Faks: 00-33-467-31-13-18.

* Cetere, daŭre funkcias Kastelo Gresillón kaj la Kvinpetalo, kiuj organizas plurspecajn kursojn kaj staĝojn laŭlonge de la jaro.

# Literaturemuloj feliĉos

**http://dreamwater.net/esperanto/**

La konata verkisto Sten Johansson aperigis interretan ttt-ejon dediĉitan al la Originala Literaturo en Esperanto.

La ejo ampleksas pli ol 830 dokumentojn, plus bildojn, plus kelkcenton da eksteraj ligoj, interalie al recenzoj de Monato, La Ondo, Don Harlow, kaj la propra Sten, kiu aparte verkis recenzojn por la ttt-ejo.

Resume, oni povas atingi pli ol milon da referencaj dokumentoj pri originalaj Esperantaj verkoj kaj verkistoj.

*MZ*

# Hispana Poezio

### Al kiu mi scias

Vi min trompis, kaj "Ne estis vi l' unua!"
parolis la amikoj
atestantoj aŭ viktimoj alitempaj
de viaj artifikoj.

Mi ne konas la unuan, sed la lasta
ja estos verm´... iame
ĝi la koron serĉos en kadavro via
sed serĉos tute vane.

*Joaquín María Bartrina (1850—1880)*
*Tradukis: Fernando de Diego*




# Dumkongresa loĝado

1 Universitata hotelo (proksime de la kongresejo)

* lito en dulita ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . . . . . . . 105□□

* unulita ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 115□□

2 Junulara gastejo

Por homo malpli ol 26-jara:

* loko en kvarlita ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn:. . . . . . . . . . . . . . . . 65□□

Por homo pli ol 26-jara:

* loko en kvarlita ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . . . . . 76□□

3 Tristela hostalo, klimatizita (urbocentre)

* lito en dulita cambro, SEN matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . . . . . 155□□

* unulita ĉambro, SEN matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 185□□

4 Complejo Educativo Cheste (22 km. De Valencia), NUR por grupoj

* lito en kvarlita etaĝa ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . 50□□

# Aniĝilo por 2003

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

**Personaj datenoj :**

Kompleta nomo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Annumero: . . . . . . . . . . .
Adreso : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Poŝtkodo kaj urbo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Tel. : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Retadreso: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

**Aniĝo :**

- OM ordinara membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 28,00€
- kun junulkarto . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 25,20€
- PM patrona membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 56,00€
- KM kolektiva membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 56,00€
- EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 23,00€

Ĉiu ano ricevas *Boletín*; infanoj ĝis 12 jaroj *Juna Amiko*; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, *Kontakto*. Kaj ĉiuj, ĝenerale, 10% rabaton en la aktivaĵoj organizitaj de Hispana Esperanto-Federacio.

**Pagmaniero :**

- Bankordone (plenigu la malsupran formularon).
- Enspezo en konton 0182-2552-61-0204011961 de BBVA (kunsendu spezilon).
- Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 3€).
- Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu ĝirilkopion).

Subskribo: Dato:

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

Banco o caja:
Dirección:
Código postal y localidad:
C.C.C.: _ _ _ _ / _ _ _ _ / _ _ / _ _ _ _ _ _ _ _ _ _
Entidad Sucursal D.C Cuenta

Muy señores míos:

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:
Nombre y firma del titular:




## 62a Hispana Esperanto-Kongreso

## kaj 13a Internacia E-Kongreso

Valencio

15a ĝis 20a de julio 2003

Facultad de Filología
Avda Blasco Ibañez 32

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Antaŭnomo: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato (2) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . HEF-numero . . . . . . . . . . . . .
Adreso. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Poŝtkodo . . . . . . . . . . . . .
Urbo. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Telefono . . . . . . . . . . . . .
Retadreso . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Faksilo . . . . . . . . . . . . .

(2) Nur por statistiko

| Kongreskotizoj | ĝis 31-12-02 | ĝis 31-05-03 | poste |
|---|---|---|---|
| Membro de HEF (a MT) | 19 € | 22 € | 25 € |
| Ne membro | 23 € | 26 € | 29 € |
| Membro de grupo (pli ol 15 p.) | 15 € | 18 € | 21 € |
| Loĝejo | | ___ | ____ |
| Donaco | | | ____ |
| ENTUTE: | | | ____ |

Kotizu pere de Bancaja, strato Málaga 37; 46009 Valencia.
konto-numero: 2077-0069-24-3100702329 al la 62a Hispana E-Kongreso.
Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.

**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**

LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Konstanta adreso: Augusto Casquero; Avenida Burjasot 29, A-31;
ES-46009 Valencia; Retadreso: augustocasquero@infonegocio.com

**62a Hispana Esperanto-Kongreso**

**kaj 13a Internacia E-Kongreso**

**Valencio**

Prezento de



## Gran Diccionario Español-Esperanto de Fernando de Diego

---




# Kia sinpelo!

## Elektronika kompilo

Ĵus aperis ĉi disko konsistanta el 70 minutoj da aktuala elektronika Esperanto-muziko. 10 grupoj kaj DĴ-oj el 8 landoj prezentas 16 pecojn el diversaj stiloj: tekno, trenco, denco, drumenbaso, triphopo...

Vi ne povos ne danci aŭdante la bonegajn "Planedo Esperanto" kaj "Aŭskultu" ambaŭ el Lunatiko. La kantoj, kies tekstoj estas foje minimumaj, aperas *kredeblaj*, kaj tio estas esenca kiam oni parolas pri kanzonoj. Jam temp' está!

Kurioze, Solotronik produktis por ĉi disko kanzonon pli danceblan, iom ekster sia kutima stilo, sed vere plaĉan. Antaŭen Eduardo.

Amantoj de elektronikan muzikon nepre aĉetu ĉi diskon kaj ĝuu la komponaĵojn de Dolcxamar (Finnlando), Lunatiko (Pollando), DĴ Kunar (Germanio), DĴ Roger (Brazilo), Magnus (Svedio), Andreas Viklund (Svedio), Krio de Morto (Pollando), Solotronik (Hispanio), Mhz (Argentino), Asorti (Litovio).

Oni povas mendi la diskon rete ĉe: <www.vinilkosmo.com>; "Elektronika kompilo"; Referenco: VKKD 53; Prezo: 18 EUR, Sendokostoj: 4,05 EUR; VInilkosmo; FR-31450 Donneville; Francio; Tel.: +33(0)5-61-81-95-65; Retadreso: vinilkosmo@esperanto.org

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora